


**Palma de Mallorca, nia nunjara Kongresurbo**

*Niaj naciaj kongresoj kunvenigas grandan nombron da esperantistoj. Nunjare tio ripetiĝos, ĉar al la altiro de la nomo Esperanto aldoniĝas tiu de la bela Baleara Insularo.*

**BOLETIN**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura
Str. V. Sancho-Tello, 24, b. d.
VALENCIA (Hispanujo)

Monsendojn adresu nepre al:
S-ro Ernesto Guillem - Str. Marqués de Caro, 6
Valencia (Hispanujo)

Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN
Membro abonanto: 60 pesetojn, jaro.
Membro subtenanto: 120 pesetojn jaro.
Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tíon deziras.
Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jaro.
Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jaro.
La grupo ricevas unu ekzempleron po ĉiu deko da tiuj membroj.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortojn aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.


# NUESTROS SOCIOS PROTECTORES

**(En esta lista no incluiremos a los que reciban dos ejemplares del Boletín.)**

**Antonio Pastor - Bilbao**
**Tomás Ortiz - Alar del Rey**
**José María Bernabeu - Callosa Segura**
**La Verda Kolombejo - Ciaño Santa Ana**
**José Ventura - Tarrasa**
**Jaime Perarnau - Tarrasa**
**Pedro Marqueta - Zaragoza**
**Fernando Fernández - Lugo**
**Santiago Arizmendi - Eibar**
**Juan Salvá - Caldas Estrach**
**Domingo Cebollero - Zaragoza**
**Rafael Gisbert - Barcelona**
**Santiago Miquel - Valencia**
**Antonio Alonso - Pontevedra**
**Rafael Gastón - Zaragoza**
**Mariano Gastón - Salamanca**
**Emilia Gastón - Zaragoza**
**Inés Gastón - Zaragoza**
**Darío Rodríguez - Perpignán**
**José Pastor - Novelda**
**Doctor Dianthus - Lérida**
**Pelayo Moreno - Madrid**
**Carlos Belzer - Venezuela**
**Juan Martínez - Tortosa**
**José López - Cullera**

**Hasta 12 de marzo de 1961**

# JEN LA SEKRETARIO



Post la listo publikita en nia antaŭa numero de BOLETIN ni nur povas sciigi al vi pri unu sola HEF-aniĝo de nova grupo; tiu estas la Grupo Fido kaj Espero, el Valladolid, kun 43 membroj.

La aliaj grupoj, kelkaj, el la plej gravaj de nia lando, daŭrigas sian silenton. Kial?

Certe nenia respondo povas esti farata al tiu demando, kun sufiĉa pravo por konvinkigi nin; tio obeas sendube al la inerteco de kelkaj.

Tuj post la ricevo de ĉi tiu numero de BOLETIN la sekcioj kaj servoj de HEF estas invitataj sendi al la redaktoro la oportunajn detalojn por publikigi en la raporto de la laborperiodo inter la XXI^a^ kaj XXII^a^ kongresoj.

A. PÉREZ
*HEF-Sekretario*

## Ha sido aprobada la reforma de nuestro Reglamento

Según escrito del Ministerio de la Gobernación, Dirección General de Política Interior, número 556, de fecha 22 de marzo de 1961, recibido en la Federación, ha sido aprobada la reforma de nuestro Reglamento tal y como se acordó por nuestra Junta General celebrada en Pontevedra el pasado año.

Aún con la necesidad de modificar el texto de esta sección, hemos querido comunicar tan grata noticia a nuestros socios, lo antes posible.

*Eldon kvanto: 1.300 ekzempleroj.*

# POSTMORTAJ KONSIDEROJ

Ni jam antaŭpensis ke la forpaso de nia kara Ludoviko Hernández elmontrus, tre evidente, la forton de la surprizo, de la ĉagreno kaj de la sincera bedaŭro, kiujn meritis la elstareco de nia samideano. La impona sekvantaro kiu akompanis lin ĝis la lasta ripozejo, la profunda silento kaj la ekploremo de ĉiuj, kiuj aŭskultis, respektoplene, la kortuŝajn adiaŭajn vortojn de la Prezidanto de la Federacio, plene pruvis la sincerecon de la sentoj de la valencia samideanaro.

Sed, poste, vera lavango de kondolencaj leteroj alvenis, kaj daŭre, ankoraŭ alvenas ĉe nin. La legado de tiuj komunikoj estas signifoplena, kaj ili pruvas la profundon kaj la amplekson de la amiksentoj, kiujn Hernández naskis dum sia ne tre longa, sed vere pozitiva vivado : ĉar li konsideris la vivon ne kiel ĝuon nek kiel punon, sed, kiel devon. Kaj li plenumis la sian per ĉiuspecaj laboroj kaj oferoj.

Liaj amikoj kaj samideanoj penos por honori lian memoron, diversmaniere : Unue, havigante al liaj restaĵoj la decan kaj honoran ripozejon, kiun li meritis. Due, penante por konservi kaj utiligi liajn librojn, liajn verkojn, liajn karajn aferojn. Trie, helpante, laŭpove, lian familion, ĉar li vivis kiel senzorga cikado, favorigante per sia laboro kaj sia tempo nian komunan aferon, ŝparante nenion, ĉar, en lia logika optimismo, li pensis vivadi ankoraŭ dum longaj jaroj.

Tial, ni alvokis ĉiujn, kiuj povis kompreni la pravon de niaj petoj, kaj, iom post iom, alvenis la materiaj pruvoj de liaj simpatiintoj.

Ili daŭre alvenas, kaj ni esperas ke ili fariĝos pli multenombraj...

Ni pensas, ankaŭ, ke la plej daŭra kaj serioza maniero por honori lian nomon kaj lian laboron estas la pretigo por eldoni liajn verkojn : «Don Kiĥoto», de Cervantes, kaj aliajn... Laŭ liaj propraj opinioj, tio, kion oni pli bezonas por ĉiuj aferoj, ne estas la monon, sed la volon, la laboron, la strebadon, la persiston. Ni penu por havi ĉion, por havigi al lia elstara figuro la plej decan piedestalon : la omaĝon al lia verkaro!

Dr. R. HERRERO

---

## LA XIII.ª KONGRESO DE I. F. E. F.

La Organiza Komitato de la XIIIª Kongreso de I. F. E. F., kiu, kiel sciigite, okazos en Barcelono, de la 6ª ĝis la 11ª de Majo, ne ripozas ; la preparo de la diversaj konsistaĵoj de la kongreso estas fruktodona kaj la programo kontentigos la plej postulemajn.

Plejparto de la kongresanoj aliĝis al la postkongresa ekskurso al Palma de Majorko, kie, en paradiza medio, disvolviĝos la XXIIª Kongreso de la hispana esperantistaro, kiu, pro tiu fakto, iĝos vere internacia.

La solena Malfermo de la Kongreso estos tre impona. Lia Moŝta Ministro por Informado kaj Turismo akceptis la koncernan Prezidantecon, kaj tio donos al la solenaĵo elstaran karakteron.

Ni konscias ke la kongreso estos tre sukcesa, kaj la fakto ke ĝi okazos en Barcelono estas motivo por plena trafo, ĉar la tiea samideanaro, la plej multenombra en Hispanujo, en kies vicoj ekzistas tiom kaj tiom da elstaraj, altvaloraj kaj laboremaj esperantistoj, estas garantio por ke ĉio disvolviĝos kiel eble plej bone.

# PRI LA VORTO "PAVEZO"

*Pavezo* estas difinita en la Plena Vortaro kiel «supraĵo de la ŝipbordo».

En la Marista Terminaro de UEA kiel «gardilo kontraŭ ondoj, ĉirkaŭ ferdeko».

Tiuj du difinoj ŝajne bone kongruas inter si.

La franca «Nouveau Larousse Classique» liveras du signifojn por «bastingage» : unu malnova kiu rilatas al la militŝipoj kaj unu moderna : «parto de la ŝipmuro, kiu preterpasas la ferdekon».

Ĝuste tiu dua signifo estas ja la esperanta : la 3 difinoj evidente nomas la saman objekton.

Tamen, se ni rigardas la tradukan parton de la Marista Terminaro de UEA ni legas :

*pavezo* : A. bulwarks F. pavois G. Schanzkleid, Verschenzung H. amurada, barayola.

Nu, la traduko *pavois* en la F. ŝajnas esti plena eraro : tiu vorto, laŭ la klarigoj de Sro. José Lerroux, proksimume signifas la H. *pavés;* ekzakte : ŝildego. La etimologio estas itala *pavese,* el Pavio.

La ĝusta traduko estas ja *bastingage* (moderna signifo).

Bedaŭrinde la A. bulwarks, remparo, iom dubinde elvokas la malnovan signifon de franca «bastingage», same kiel la 2 germanaj vortoj : «fortikvesto, fortikaĵo». Mi diras nenion pri la hispanaj : vi mem bone povas scii.

La konkludo estas : 1° ke nur lingvisto marfakulo povos finordigi tiun aferon. 2.° ke etimologio, kiu ja puŝas nin simpliste deklari pavezo = H. pavés I. pavese F. pavois, estas plene erariga. Ĝi jam otte erarigas en naciaj lingvoj! Do, des pli en Esperanto! Oni ja devas konsideri, ke en Esperanto, kiam oni enkondukas radikon, oni unue klare vidas objekton, ideon, ktp... due, oni kiel eble plej bone elektas vortformon (neologismon) internacia, se tia ekzistas ; ne tro nekonata, se internacia ne ekistas! Sed kio gravas estas ke la esperanta signifo *ne kovras* la signifojn de la naciaj vortoj de kiu ĝi devenas. Ĝenerale ĝi respondas al nur unu el la ekzistantaj difinoj. Ĝuste dank'al tio Esperanto estas multe pli klara lingvo. Sed kompreneble necesas, ke poste oni ne peku pro nostalgio al etimologio. Per tio mi neniel kritikas la vortaron de mia kolego Tudela Flores, kiun mi sufiĉe ofe trarigardis ĝis nun : ĝi certe apartenas al la bonaj vortaroj.

D-ro. ANDREO ALBAULT
*kunaŭtoro de Franca-Esperanta Vortaro, nun aperanta.*

---

Krom la artikoleto ĉi supre publikita, ni ricevis poŝtkarton de S-ro G. Waringhien, el kiu ni eltiras ĉi tiujn vortojn :

«Mia traduko de «pavezo» per «bastingage» estas tute korekta. La senco donita de li (S-ro Lerroux) ekzistis, ja, en la franca malnova ŝiparo, sed nun, kiel li povas kontroli per moderna eldono de Petit Larousse, la signifo de «bastingage» estas «tiu parto de la ŝipmuro, kiu superstaras super la ferdeko» —kio estas ĝuste la PV— difino de «pavezo». La informo de s-no Lerroux estas cetere iom komfuza ; en la malnovan «bastingage» oni metis la pendmatracojn de la ŝipanaro (la hamakojn), sed tio havas nenion por fari kun la «paillet», specoj de gigantaj bandaĝoj, kiujn oni ankoraŭ nun uzas, por provizore ŝtopi, de ekstere, breĉon en la kareno.»

---

## NI RICEVIS...

...revueton «Boletín de Carbones la Nueva (decembro 1960-a), kun artikoleto pri Esperanto verkita de la sendinto S-no Sacramento Collado, el Sama de Langreo.

...eltranĉaĵon el ĵurnalo el Valladolid (13-12-60), kun raporteto pr la diversaj aranĝoj de la Grupo «Fido kaj Espero» por celebri la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Sendis Tinuca Tranque el Valladolid.




# XIII^A Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso

BARCELONO (Hispanio), 6 ĝis 11 Majo 1961

*Adreso:* 13.ª I. F. E. F.-Kongreso, Estación Término R. E. N. F. E. Barcelono (Hispanio).

*Kongresejo:* Casino del Parque de la Ciudadela.

*Bankkonto:* 13.ª Fervojista Internacia Kongreso de Esperanto, Banco Exterior de España. Barcelono (Hispanio).

Protektata de la Sindikata Fako «EDUCACION Y DESCANSO»

——— 2.° BOLETIN DE INFORMACION ———

***Personalidades que han aceptado formar parte del Comité de Honor (Honora Komitato)***

Excmo. Sr. D. José Solís Ruiz, Ministro Secretario General del Movimiento.
Excmo. Sr. D. Gabriel Arias Salgado, Ministro de Información y Turismo.
Excmo. Sr. D. Matías Vega Guerra, Gobernador Civil de Barcelona.
Excmo. Sr. General D. Angel González de Mendoza, Gobernador Militar de Barcelona.
Ilmo. y Rvdmo. Sr. D. Gregorio Modrego Casasús, Arzobispo-Obispo de Barcelona.
Excmo. Sr. D. Joaquín Buxó de Albaigar, Presidente de la Diputación Provincial.
Excmo. Sr. D. José María de Porcionales, Alcalde de Barcelona.
Excmo. Sr. D. Felipe Acedo Colunga.
Ilmo. Sr. D. Agustín Plana Sancho, Presidente del Consejo de Administración de la R. E. N. F. E.
Ilmo. Sr. D. Juan Estevez.
Ilmo. Sr. D. José M.° de Perxés, Director de la 5.ª Zona de la R. E. N. F. E.
Ilmo. Sr. D. Salvador Montagut Cuadrat, Ingeniero Jefe de la División Inspectora de la R. E. N. F. E.
Ilmo. Sr. D. Vicente García Ribes, Jefe Sindical de Transportes.
Ilmo. Sr. D. Manuel Alonso Gonzalo, Administrador Principal de Correos.
Ilmo, Sr. D. Gonzalo Turull Moragas, Director de los Ferrocarriles Catalanes.
Sr. D. Manuel Sancho Vecino, Jefe de la Obra Sindical «Educación y Descanso».

## KONGRESA PROGRAMO

SABATE 6. V. : 9 h. Malfermo de la akceptejo kaj kongresejo. 17 h. Kunveno de la LKK kaj la I. F. E. F. estraro. 18 h. Terminara kunsido, 21 h. Interfratiĝa vespero

DIMANĈE 7. V. : 11 h. Solena malfermo. Vizito al Gotika Kvartalo, kaj komuna fotografado. Posttagmeze, libera. Eble estos kongresanoj kiuj deziros ĉeesti Taŭran Feston. 21'30 h. Vizito al la grandaj lumfontoj ĉe la Montjuich Parko kaj Folklora Festo en la Hispana Vilaĝo, en la sama parko.

LUNDE 8. V. : 10 h. Fakprelego; poste, kunveno de la fakprelega komitato. 15'30 h. Redaktora kunveno. 17 h. Estrara kaj delegitara kunveno. 21'30 h. Amuza vespero. Filmprezentado.

MARDE 9. V. : 10 h. Unua laborkunsido. 16 h. Rondveturado. 22 h. Internacia balo.

MERKREDE 10 V. : 10 h. Dua laborkunsido. 16 h. Vizito al fabrikoj kaj riparejo. 22 h. Koncerto aŭ teatraĵo.

JAŬDE 11. V. : 8 h. Tuttaga ekskurso al Tarragona. Revenante, ni haltos en Vilafranca; vizito al la vin-muzeo, lunĉo kaj folklora vespero. Fermo de la kongreso.

VENDREDE 12. V. : Matene, eventuala ekskurso aŭ vizito. 21 h. Enŝipiĝo de la kongresanoj kiuj vizitos Mallorca-n.

# HISPANA KRONIKO

*Palma (Balcares)*

Pasintan 27-an de februaro estis starigita en ĉi tiu urbo, ejo de nia XXII nacia Kongreso, Baleara Esperanto-Asocio (Asociación Esperantista Balear) kies adreso estas :

Baleara Esperanto-Asocio, Str. San Roque, 8, PALMA (Baleares).

*Villafranca del Panadés*

La loca esperantistaro entuziasme laboras en la organizo de la diversaj aranĝoj okaze de la vizito kiun faros la IFEF-kongresanoj, revenante al Barcelono de la ekskurso al Tarragono, la 11 an de Majo.

La programo konsistas el kolektiva vizito al la Muzeo de la Vino, fabrikejoj, kaj frata vespermanĝeto. Plie, tuttage restos en Vilafranka la amatora orkestro de la fervojistoj el Linz (Aŭstrio). Ĉio en la marko de la tipaj Majo-Foiroj, antaŭe nomataj de la enamiĝintoj.

*La Laguna (Tenerife)*

El poŝtkarto de nia altestimata samideano Juan Régulo ni transkribas ĉi tiujn vortojn : Mi informas vin pri bela sukceso, kiun ni atingis en nia urbo. Ni sukcesis nomigi belan kaj gravan straton en nova kvartalo, apud la Universitato, per la nomo D-ro Zamenhof.

La urbesraro tion decidis en la lasta tago de 1960 ; do, eble temas pri unu el la lastaj honorigoj al D-ro Z. dum la plilongigo de la Zamenhofa Jaro !

*Barcelona*

Veran ĝojon kauzis al nia esperantistaro la decido de Moŝta Barcelona Konsilantaro, nomi unu el la modernaj stratoj de la Sindikata Grupo, en la kvartalo «La Verneda», per la nomo de D-ro Zamenhof. Estas rimarkinde ke, en la menciita strato, situas «Lerneja Grupo Johano Parera» ; tio ebligos estontan diskonigadon en ĝi, de la celoj de Esperanto kaj ties kreinto.

Ni tuktore dankas la urbestron pro lia nobla agado favore de Esperanto ; tio tre klare montras lian kulturamon.

La pasintan 7-an de marto, kaj sub la aŭspicio de la Sindikata Fako «Educación y Descanso», okazis tre interesa kaj grava prelego de la juristo kaj fakdelegito pri folkloro Dr. J. Hamvai, el Nov-Zelando. Li estas kompetentega pri specialaj studoj pri la vivo en Nov-Zelando kaj, krome, ankaŭ katolika delegito en sia lando, nia antipodo.

En la jaro 1931[a], li edziĝis al estona esperantistino S-ino Olga Hamvai. Ĉar Dr. Hamvai estas hungaro, la geedza paro fariĝis vere internacia en ĉiuj sencoj, kaj, pro tio, ambaŭ, ekde tiu feliĉa momento, estis devigataj uzi Esperanton, kiel familian lingvon ; konsekvence, por ili, vivantan idiomon ; tio klare pruvas la taŭgecon de Esperanto.

La titolo de la menciita prelego estis : «La kulturo kaj la socia vivo de la pakeha (blankulo) kaj maorio en Nov-Zelando».

Prezentis la prelegiston S-ro Paluzie Borrell, kiu, poste, deĵoris kiel trafa tradukanto de la longa kaj belega parolado de Dr. Hamvai. Rapide sciis kapti, tiu lasta, la atenton de la multenombra ĉeestantaro, kiu silentege sekvis ĉiam la rimarkindan disertacion. De tempo al tempo, spritaj diroj kaj proverboj saĝe intermiksitaj, estigis la varman aplaŭdadon, eĉ, rideta-don, de la aŭskultantoj.

Kiel necesa kaj gaja komplemento de la tuŝitaj temoj, oni projekciis mirindajn kolorajn bildojn pri diversaj partoj de la pitoreska lando ; tio konsistigis plezuron geografian, ĉar la beleco de tiu suda regiono el la mondo estas tute eksterordinara kaj alloga.

Ankaŭ Dro. Hamvai denove prelegis pri alia etnografia temo de la supre citita lando, en la mezgrada «Instituto Balmes, antaŭ kulturavida studentaro, kiu vere gapadis pro la lerta, flua kaj belstila parolado de nia vizitinto, kies altranga personeco klare evidentiĝis.

*(fino sur paĝo 339)*

# MAJORKO, LA ORA INSULO

Palma, ĉefurbo de Mallorca (Majorko), la plej granda el la baleara insularo, estas tre bela urbo, en kiu, apud la allogo de la malnovaj kvartaloj, kie oni povas admiri la belajn renesancajn palacojn, la belstilajn preĝejojn kaj monaĥejojn, oni trovas ankaŭ la altiron de novstilaj konstruaĵoj, la panoramajn aleojn, kaj, ĉefe, la sunumitajn strandojn kaj klifojn, kiuj famigas tiun privilegiitan urbon, kie, de jaro al jaro, kreskas la nombro de vizitantoj.

La insulo situas proksime de la orienta bordo de Hispanujo, de kie startas, ĉiutage, ŝipoj kaj aviadiloj. Multaj urboj, en Eŭropo, rilatas ankaŭ regule kun la insulo, kiu, fakte, fariĝis internacia.

En la urbo oni trovas postrestojn de l'trapaso de grekoj, romanoj, fenicoj, vandaloj kaj araboj, kiuj gardis ĝin ĝis la rekonkero, fare de Jacobo la I[a], en la jaro 1229. De tiam, la insulo gardas la katalunajn karakteron, civilizon kaj regionan lingvon.

La urbo mem meritas, do, eĉ longan veturadon, kaj, aldone, la cetero de la insulo estas kvazaŭ paradizo. La temperaturo dumvintre, estas ĉiam super nulo, kaj, dumsomere, ne pli ol 33 centigradoj. Veraj migdalarbaroj donas al la insulo, ne nur riĉon, sed, ankaŭ, vidbelon. La miljaraj olivarboj estas, tie, tipaj kaj famaj. Multaj el ili sendube, ŝirmis la grekajn kaj fenicajn ŝafarojn. Plie, oni povas vidi senlimajn oranĝ- kaj citronarbarojn, kies floroj parfumas la mildan aeron en la valoj. Pli kaj pli, tiel hispanoj kiel eksterlandanoj, elektas la majorkan insulon kiel definitivan restadejon, dum emeriteco. Tia estas la milda kaj kvietiga ĝuado de la vivo en la Perlo de la Mezmaro!

La XXII[a] Hispana Kongreso de Esperano estas, por ĉiu esperantisto, eĉ eksterlandano, neforlasebla okazo por viziti Majorkon, kiu esas tute neforgesebla, kaj, samtempe, ĝui la kelktagan vivadon en esperanta medio. La duobla allogo proponos al ĉiuj plenan plezuron, kaj, la internacia ĉeestantaro pruvos, pliafoje, la taŭgecon de nia lingva ideo, serve de morala kaj porpaca celo.

---

## HISPANA KRONIKO

*(fino)*

Kiel epilogo de la agado de la gasto de Instituto de Esperanto, okazis en Akademio Silo (kulturcentro), kurso de Esperanto (Cseh-Metodo), dum unu semajno, po du horoj ĉiutaje. Ni supozas ke la pedagogia provo kontentigis ĉiujn.

Senbezone diri ke la viziton al Barcelono de Dr. Hamvai aranĝis «Instituto de Esperanto» kiu, plie, ankaŭ planis la rondvogaĝon tra Hispanujo de la elstara esperantisto, al kiu, same kiel al lia distinginda edzino ni deziras bonan sukceson, kaj feliĉan reiron al Nov-Zelando.

Jaime Aragay

Hans Georg von Malm. (Milbertshofenerstr. 7. MÜNCHEN, 13 Alemania) deziras korespondadon kun hispanaj fraŭlinoj, kun la celo trovi sinceran amikinon en nia lando, kiun li tre ŝatas. Li estas juna inĝeniero, fraŭlo.

---

## KVITANCO

Semajna revuo «Destino» numero 1232 (18-3-61) kies unua paĝo enhavas leteron al la direktoro kun demando respondenda de multaj esperantistoj. Sendinto: S-ro D. Dalmau (Barcelona).

- «Sabadell», ĵurnalo (21-3-61), kun intervjuo farita al S-ro Johan Hamvai, pere de Esperanto. Sendis: S-ro V. Hernández Llusera, el Sabadell.




**ESPERANTOLOGIO.** Volumo II, unua kajero ĝis paĝo 72). Redaktoro, profesoro Paul Neergaard, Ak. Aperas per kajeroj 48 - 80 paĝaj formantaj volumojn 250 - 300 paĝajn. La abonpaĝo por unu volumo, kovranta ĉirkaŭ tri jarojn, prezas 300 ptojn. Peranto, Vicente Hernández Llusera, Av. Ejército Español, 59, Sabadell.

Sufiĉas legi la nomojn de la 13 membroj de la Redakta Komitato, (Kalocsay, Lippmann, Privat, Waringhien, Wüsster, k. c.) por kompreni la gravecon de ĉi tiu revuo, nemalhavebla por ĉiu, kiu ŝatas lingvistikon kaj volas koni Esperanton ĝiskerne.

Tiu ĉi kajero enhavas, krom anglalingva artikolo de W. E. Collinson kun resumo en E., vastan studon de la Prezidanto de la Akademio, Sro. J. R. G. Isbrucker, pri la vortfarado kaj pri la gramatika karaktero de la esperantaj radikoj laŭ la teorio de Saussure (Antido), kiun kontraŭstaris Höveler kaj aliaj. Isbrucker prezentas tre interesajn historiajn faktojn kaj pledas por definitiva decido de la Akademio pri la teorio de Antido, kies aprobo, jam parte farita, ekestis interrompita en 1.914 kaŭze de la unua mondmilito.

D. B. Gregor, en daŭrigota tre erudicia (eĉ tro por laikoj) filologia studo pri la deveno kaj formiĝo de la kondicionalo en multaj lingvoj, difinas la slavajn inter la hindeŭropaj lingvoj kiel solvintajn plej senbalaste la kondicionalan problemon, ekzamenendan en Esperanto kontraŭ la fono de ĉiu tiu komparado. Ja ĝi permesas esperi tre interesan daŭrigon.

Sekvas alia studo pri la vortfarado, fare de Andreo Albault, ne malpli interesa ol la antaŭa, analizanta la apartan econ de Esperanto, kiu permesas, spontane, formi ne nur la frazojn, sed eĉ la vortojn; econ kiun ne havas la aliaj lingvoj; altira komparo pri la psikologiaj kompleksoj en Esperanto kaj en la aliaj «nehejmaj» lingvoj, de Dro. Edmond Privat; priskribo de Naokazu Kawasaki pri la fonetikaj malfacilaĵoj kiujn spertas la japanoj ĉe la uzo de la internacia lingvo; multekzempla pruvo, ke la uzo de «de» aŭ «per» dependas ne de la verbo, sed de la imagmaniero de la uzanto, de Dro. Hugo Sirk; kaj, fine, notoj prezentataj de Paul Neergaard pri la universitataj katedroj de Esperanto. Ĉiuj artikoloj en Esperanto estas sekvataj de resumo en iu nacia lingvo.

Tiu ĉi verko estas tre rekomendinda, ĉar tre grava por la Esperanta movado.

M.

---

Peter Giuinio: **SEKRETOJ DE LA MARESTAĴOJ.** Reverkita de Lic. Marinko Ĝivoje. Eld. Kroatia Esperanto-Servo. Zagreb. 1960.—Formato 15 x 22'3 cm., 144 paĝoj, 73 bildoj (kelkaj plurkoloraj). Prezo: 20 steloj aŭ egalvaloro.

Jen vera regalo, kiun proponas Ĝivoje al la esperanta legantaro. Mi povas promesi al tiuj kiuj akiros tiun allogan verkon, ĝisfinan legadon. Tia estas la altiro de la legaĵo, kaj la agrablon de la stilo!

De kiam mi legis en miaj fruaj jaroj, la verkojn de Julio Verne, tre malofte mi trovis okazon por ĝui tiel intense, legante prinatursciencajn aferojn. La aŭtoro, tre alloge kaj sperte priskribas la vivon de la marestaĵoj, kaj ĉiuj ĉapitroj estas interesplenaj. Mi trovis specialan intereson dum legado de la surpriziga vivo de angiloj kaj murenoj. La vivtenado, nutromaniero kaj danĝereco de ŝarkoj estas prezentataj kun hirtigaj detaloj, kiel, ankaŭ, tiuj de venenaj fiŝoj.

Se la priskribitaj detaloj estas interesaj, ne malpli estas tia la uzita stilo. Ni citu nur la titolojn de kelkaj ĉapitroj: «Nevidebla martrezoro»; «atakanto naivaspekta»; «rabisto pro mizero»; «danĝeraj monstroj»; «la maraj lupoj», k. t. p.

La esperanta literaturo vere riĉiĝis per tiu libro, kaj, pro tio, tiel Petar Giuinio kiel Marinko Ĝivoje meritas dankon kaj atenton.

CIRANO

**EDMON PRIVAT-JUNAĜA VERKARO-BELETRAJ KAJEROJ DE STAFETO-N.º V. — Antaŭparolo de J. Baghy.**

En 1913 mi, freŝebakita esperantistino, gvidis knabinan E-kurson en privata lernejo. Mi legis pri la Privat-metodoj kaj, ĉar ili ne estis vendataj en mia urbo, mi rekte mendis. La aŭtoro bonvolis sendi al mi la du libretojn —*Kursa lernolibro* kaj *Karlo*— kun afabla surskribo. Ili ambaŭ, kun la kajeroj de mia lernotempo, estas la unuaj libroj de mia E-biblioteko kaj Prof. Privat la unua klasikulo de mi legata, krom la esperanta Krestomatio, de mi legita en la Grupo.

Privat estis tiam nova aŭtoro, Esperanto estis juna lingvo, E-literaturo faris siajn unuajn paŝojn. La vivo, bela aventuro, malfermiĝis antaŭ ni, rozkolora kaj promesplena.

Kiom da okazintaĵoj la homaro trapasis de tiam! Privat, Universitata Profesoro, fariĝis unu el la elstaraj pioniroj de nia movado; Esperanta Literaturo plilarĝiĝis, pligrandiĝis kaj pliprofundiĝis... Kaj, nun, preskaŭ post duonjarcento, mi emocie ricevas la numeron 5 de «Beletraj Kajeroj», prezentante al ni, sub la titolo «Junaĝa Verkaro», veran perlaron de nia granda E. Privat. Konsistas la kajero el kvar partoj, provoj el kvar literaturaj specoj, nome: oratoraĵo, prozo, liriko kaj teatraĵo.

La unua estas prelego farita dum la sepa Universala Kongreso. Se ni spirite reiras en tian epokon, kiam E-literaturo estis ankoraŭ juna infano, kiam oni dubis pri la ebleco de E-verkado kaj pri la utilo de E-beletro, ni povas kompreni kiel multe la aŭtoro pravis pri la afero, kies grandan progreson oni vidas interlinie antaŭdirita. La dua, prozaĵoj, entenas ses mallongajn rakontojn, ĉarmajn, purajn, simplajn, emociigajn. Ili rememorigas al mi la stilon de «Karlo», la bela legolibro, jam menciita.

La tria, lirikaĵoj, estas bukedo de dekkvar poemoj, el ili dek, el la fama «Tra l' Silento». La poezio de Privat posedas tian malfacilan «facilon», nur al grandaj poetoj rezervatan. Kvankam (se mi ne eraras) Privat estas franclingvano, li sekvas la «piedan metrikon», de la Majstro prezentitan kiel modelon por la E. versfarado. Multaj poetoj forgesis tiun leĝon por nur sur la nombro aŭ sur la rimo fari la verson. Certe, nia literaturo povas permesi al si ĉiun verssistemon, eĉ la aliteracian sistemon provis Kalocsay, en la Kalevala Kanto. Tamen, la pieda estas sendube la plej konvena al E. prosodio. Kaj fine, la kvara estas la kavalira dramo «Ginevra».

Entute, Privat estas juna, idealista, larĝmensa poeto. Legante la verkojn, oni bedaŭras ke li ne plimulte laboras en la beletristika kampo, ĉar li devas en aliaj pli elstaraj kaj ne anstataŭeblaj postenoj deĵori por la bono de la Movado.

La verkon devas legi ĉiuj novaj kaj malnovaj Esperantistoj: la novaj vidos kiel, per la Fundamentaj rimedoj, oni povas krei perfektan ĉiuklasajn verkojn; la malnovaj rememoros siajn unuajn tempojn kaj emocie revivigos la unuajn legadojn.

AMALIA NÚÑEZ DUBÚS

---

BONVOLU KOREKTI

Sur paĝo 329 de BOLETIN la du unuaj vortoj de la kvara linio el la poemo «La Vespero de la Vivo» devas esti *de nia* anstataŭ *ne dia* kiel estis presita erare.

En la sama poemo, naŭa linio, la vorto presita *nasking'* devas esti *naskiĝ'*.

La ĵurnalo menciita sur paĝo 330 devas esti «El Diario de Barcelona» kaj ne «La Vanguardia» kiel aperis erare.

Ekzistas aliaj eraroj, pli aŭ malpli gravaj, pri kiuj mi petas senkulpigon. Mi esperas eviti aŭ almenaŭ maloftigi ilin.

---

Bulteno Gepatra, jarabono 46 ptjn. Peranto: A. G. M. San Andrés, 13. EL ENTREGO. Oviedo.

Geografia Revuo, 48 ptj. 4 n-roj. Peranto; kaj reprezentanto de Internacia Geografia Asocio, por nia lando, la sama.





*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-a de Majo.*

## *SOLVO DE LA ENIGMO NUM. 5*

HORIZONTALE

1 : aarP. Fidi. — 2 : Meteorologi.— 3 : Ir. Eviti. Vi.—4 : Not. Ovo. Bar.—5 : Idea. Bank.—6 : Imperialo.—7 : Knar. Leda.—8 : Ras. Nnn. Tol.—9 : Em. Pacem. Ni.—10 : Viriniĝinta.—11 : Kolo. Ileo.

VERTIKALE

1 : Mini. Krev.—2 : Aerodinamik.—3 : At. Temas. Ro.—4 : Ree. Apr. Pil.—5 : Povo. Nano.—6 : Riverenci.—7 : Foto. Neĝi.—8 : Ili. Bal. Mil.—9 : Do. Balet. Ne.—10 : Igvanodonto.—11 : iirK. Alia.

---

Sendis korektajn solvojn : Alfonso Escamilla, Francisco Aliaga, F. Amorós, R. Albero, Joaquín Lluch, Liberto Puig, Ramón Bastardas, Antonio Tomasa, Adonis González, Augusto Ugalde.

---

## *ENIGMO NUM. 6*

*Krucvorta enigmo de J. Devis*

*Malsupra figuro*



HORIZONTALE

1 : Ĉeso de agado. Rilata al malmola, kalkeca substanco, el kiu konsistas la skeleto de vertebruloj.—2 : Estro de katolikaj aŭ anglikanaj diocezoj de iu provinco aŭ lando.—3 : (Rad) Sati kare iun. Trompi sian edz(in)on. Prep. montranta fizikan proksimiĝon en la direkto.—4 : (Rad) Pli malpli profunde enigi pinton en ion. Montra pronomo. En alta grado.—5 : (Inv) Alta herbo, kies trunketoj iĝas fortikaj per sekigado, k estas uzataj kiel bastonoj. Fatalo.—6 : Kvalifikas nombron, kiu ne enhavas realan parton.—7 : (Inv) Konsento, aprobo. Rilata al plata, malbonodora insekto.—8 : Malgranda. (Rad) Karakterizas iun, kies manĝobezono estas plene kvietigita. (Rad) Ĉiopova. (Inv) Objekto malpli dika ol larĝa k longa. Pronomo.—10 : Inspektoro.—11 : (Inv) Urino. Unuiĝo.

VERTIKALE

1 : Kapvesto. (Inv) Pensaĵo, komprensaĵo. — 2 : Partianino de feminismo. — 3 : (Inv) Interjekcio esprimanta malestimon k abomenon. Rilata al juvela ŝtono reliefe skulptita. Samaj konsonantoj.—4 : Kaj ne. Konj. signifanta plie, aldone. (Rad) Narkota substanco el suko de papavo.—5 : (Inv) Elstara plato ĉe la supro de la unua parto de la masto. (Rad) Nekulturita k senarba ebenaĵo, kovrita nur per herbecaj veg-oj.—6 : (Inv) Aranĝi laŭ klasoj.—7 : (Inv) Speco de granda raba k kvinfingra plandmarŝanta mamulo. (Rad) Enpiki sub la haŭto de iu neforigeblajn desegnaĵojn.—8 : (Rad) Glitilo por la neĝo. (Rad) Parto de la supraĵo de objekto, limigita de geometria figuro. (Rad) Konifera arbo.—9 : (Inv) Participo. (Rad) Difinita prezaro pri komercaĵoj. Resenda pronomo de la tria persono.—10 : Komforta, eĉ luksa loĝejo el pluraj ĉambroj.—11 : Grasa fluaĵo. Mazika ritma melodio.

## DONATIVOS RECIBIDOS DEL 1 ENERO AL 10 MARZO 1961

| | Pesetas |
|---|---|
| **M. Ruiz - Madrid** | 10 |
| **J. Lerroux - Barcelona** | 15 |
| **J. Juan - Valencia** | 15 |
| **C. Pérez - París** | 10 |
| **J. Romerales - París** | 20 |
| **C. Tranque - Valladolid** | 25 |
| **A. Bohigas - Barcelona** | 40 |
| **J. Lencer - U. S. A.** | 725 |
| **J. Ticó - Mollet Vallés** | 5 |
| **J. Guio - Zaragoza** | 15 |
| **J. Valls - Mataró** | 40 |
| **J. Devís - Valencia** | 40 |
| **J. Perogordo - Madrid** | 100 |
| **A. Menéndez - Gijón** | 50 |
| **J. Ordieres - Gijón** | 40 |
| **E. Calvet - Tarragona** | 20 |
| **A. Criach - Sabadell** | 300 |
| **F. García - Badalona** | 40 |
| **E. Capdevila - Valencia** | 15 |
| **R. Font - S. Juan Vilatorrada** | 25 |
| **F. Santacruz - Barcelona** | 15 |
| **M. Tarragó - Almatret** | 60 |
| **J. Oros - Zaragoza** | 15 |
| **A. Pastor - Bilbao** | 50 |
| **E. Wolf - Santa Cruz de Tenerife** | 140 |
| **J. Rodríguez - Madrid** | 25 |
| **S. Ortega - Mahón** | 40 |
| **T. Elizondo - Cheste** | 25 |
| **A. Ugalde - Bilbao** | 25 |
| **A. Gil - Viviestre Pinar** | 15 |
| **J. Perarnau - Tarrasa** | 400 |
| **P. Marqueta - Zaragoza** | 15 |
| **A. Corral - Buenos Aires** | 200 |
| **L. A. Ramírez - Huete** | 50 |
| **F. J. Sanfélix - Valencia** | 40 |
| **A. Bez - Milano** | 30 |
| **M. Ruiz - Madrid** | 5 |
| **M. Elezcano - Bilbao** | 49 |
| **A. Criach - Sabadell** | 40 |
| **A. Alonso - Pontevedra** | 30 |
| **F. Smit - Haarlem** | 100 |
| **M. Cantalapiedra - Valladolid** | 10 |
| **V. Perles - Miraflor** | 20 |
| **B. Serra - Barcelona** | 40 |
| **J. Guillomía - Barcelona** | 40 |
| **A. García - Bilbao** | 28 |
| **A. Ballestín - Zaragoza** | 15 |
| **F. Torre - Baena** | 40 |
| **T. Estanislao - Barcelona** | 15 |
| **P. Naranjo - Jerez** | 10 |
| **Dr. Dianthus - Lérida** | 130 |
| **P. Moreno - Madrid** | 80 |
| **A. Hansen - Danio** | 115 |
| **J. Iranzo - Bilbao** | 40 |
| **A. Sánchez - Madrid** | 25 |
| **Suma pesetas** | **3.518** |

# U. E. A., candidato al premio Nobel de la Paz para 1961

La prensa y radio nacionales se han hecho eco recientemente de esta grata noticia. Diversas personalidades de una veintena de países han propuesto a la Asociación Universal de Esperanto como candidato al premio Nobel de la Paz del presente año.

Independientemente de que sea o no alcanzado tan meritísimo premio, es motivo sobrado de orgullo para nosotros, los esperantistas, que la sociedad que nos representa en todo el mundo haya sido propuesta para tan alto galardón.

# 9.ª INTERNACIA ESPERANTO FERIO-SEMAJNO

*Krommenie 13-21 Aŭg. 1961*

Ĉiun jaron pli da partoprenantoj, el multaj landoj. Agrabla afero. Allogaj ekskursoj. Senpaga gastigado ĉe gesamideanoj. Kostoj: 55 nederlandajn guldenojn, nur uzataj por efektivigi la programon; ĝi okazos per luksa aŭtobuso kaj boato; gvidanto esperantista.

Petu pli detalajn informojn ĉe nia sekretariino J. A. v/d Meulen. Harten Popelstraat 13. Krommenie N. H. Nederlando.

Limdato por aliĝo 1-5-1961.

## ANONCETOJ

S-ro Joseph HEGEDUS (21. HIGHBURY. Newcastle 2. England) petas al la legantoj de la gazeto, ke ili bonvolu sendi al li belan koloran bildkarton (pejzaĝon) kun kelkaj skriblinioj.

Ni deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn, pentraĵojn, gazetojn kaj poŝtmarkojn. Ŝiricu Nisinomija —Kókó Esperanto— Klubo Jateiŝi-ĉo. Niŝinomija-urbo. Hjógo (Japanio).

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959